# ESPERANTO
# EN AZIO KAJ OCEANIO

**n-ro 111** **aprilo 2021**

*Bulteno de KAOEM | Komisiono pri Azia-Oceania Esperanto Movado, Universala Esperanto-Asocio (UEA)*

**LA REDAKTORO** **Malferme**

# Junula konsilo pri reta propagandado

*Albert Stalin Garrido*



Mi memoras la rakonton de junulo, kiu en ordinara tago en marto 2013 hazarde konatiĝis kun Esperanto en Facebook. Li estis nur 15-jara tiam, kiam en tiu tago li legis en iu afiŝo: "Ĉu vi scias? Ekzistas arterfarita lingvo nomita 'Esperanto', kiu intencas esti neŭtrala kaj facile lernebla lingvo por internacia komunikado." Pri tiu koncepto de artefaritaj lingvoj li neniam antaŭe aŭdis, kaj kun ekscitita intereso li komencis memlerni la lingvon rete. Hodiaŭ, li estas aktiva ano de la internacia esperantista movado.

Tiu 15-jara knabo estas la 23-jara mi hodiaŭ.

Dum longa tempo, eĉ ĝis nun, mi firme kredas ke propagandado estas kvazaŭ granda konkurso: foje oni gajnas,

foje ne. Estas realo en ĉiu konkurso, ke pli oni investas en novaj rimedoj kaj kapabloj, des pli oni alproksimiĝas al valoraj gajnoj.

Propagandado en la interreto ne diferencas al tiu ideo, kiun mi supre menciis. Ĉiu retejo kaj platformo estas via "batalkampo" vasta kaj plena da ebloj. Kompreni tiun ideon iĝis des pli necese dum la pandemio, en kiu reta agado ne nur estis "alternativa" eblo; ĝi iĝis la *sola* realo kaj la normalo.

Per "reta agado," mi ne aludas la simplan afiŝadon de "muroj" de teksto sur viajn retejojn kaj sociajn profilojn, kiujn ĉiukaze neniu vere tralegus ĝis la fino. Aliflanke, vera reta agado bezonas multe da planado kaj strategio; ĉiu movo estas zorge planita kaj la rezulto antaŭkalkulita. Kiel ĉiu sukcesa projekto, tia agado bezonas elpensemon kaj eventuale eĉ investadon.

Iuj esperantistaj grupoj ofte plendas pri tio, ke ilian konsiston ne replenigas junuloj. Jes, tio estas vera kaj tute valida kaŭzo de zorgo. Tamen, mi observis, ke samtempe, al ili ofte mankas bona, moderna strategio por sukcese frapi la okulojn kaj kapti la atenton de la pli junaj kaj novaj generacioj, kiuj poste devus daŭrigi la laboron de ili komencitan.

Konsideru la jenajn demandojn kiuj mi ĵetas: Ĉu en via grupo iu okupiĝas pri kreado de ciferecaj grafikaĵoj aŭ afiŝoj? Ĉu via grupo mem havas grafikiston aŭ dungas eksteran profesian grafikiston eĉ foje? Ĉu en via grupo iu scipovas aŭ almenaŭ lernas kiel uzi *Adobe Photoshop*, *Canva*, aŭ similaj programoj? Ĉu via grupo havas aktivan konton en *Facebook*, *Twitter*, aŭ en la plej populara socia retejo en via lando? Se via respondo al ĉiuj kvar demandoj estas *Ne*, ke via grupo eble ne troviĝas en la jaro 2021 sed en la antaŭaj jaroj aŭ eĉ jardekoj. Kion vi faru do?

Por klarigi mian argumenton, permesu al mi mencii kelkajn ekzemplojn—kelkajn organizojn, kies sukcesojn mi ligas al ilia vigla reta agado kun taŭgaj materialoj kaj strategioj. Unue, TEJO. TEJO dungis plentempe profesian grafikiston, Ariel Palmer, danke al kiu vi eble jam vidis tre bonkvalitajn bildojn aperantajn sur la paĝoj de TEJO aŭ seriojn da filmetoj pri la vivoj

de junaj esperantistoj dum la pandemio. Alia honora mencio estas Indonezia Esperanto-Asocio (IEA), kiu ankaŭ regule desegnas kaj aperigas bildojn pri siaj venontaj eventoj kaj ankaŭ vivajn elsendojn (vidu la artikolon kontribuitan de ili al tiu ĉi numero). Ĉi-kaze tiujn bildojn ne kreas dungita grafikisto, sed talenta volontulo el ilia membraro. Kombinite kun vigla agado kaj reta videbleco de ĝiaj aktivuloj, la bildoj helpis krei unu el la plej grandaj kaj aktivaj movadoj en Sudorienta Azio: Indonezio.

Bona reta agado ne finiĝas nur ĉe la kreado kaj aperigado de okulfrapaj grafikaĵoj. Kontraste, tio estas nur la unua parto de la tuta strategio. La sekvaj demandoj estas: *Kiam ni aperigu niajn afiŝojn? Kiel ni plej efike disvastigu ilin?*

La sekva celo estas efike disvastigi la informon kaj maksimumigi la utilon de afiŝo. Tiukaze, taktikoj varias, sed unu ofte sukcesa metodo estas aperigi la afiŝojn en la plej aktivaj horoj de via celgrupo. Je kioma horo homoj en via lando plej aktive retumas en sociaj retejoj? Ĉu dum tagmanĝa paŭzo? Post laborhoroj? En la semajnfino? Aliflanke, evitindas afiŝi en noktomezo aŭ dum laborhoroj, kiam neniu vidus vian afiŝon.

La fina ŝlosila elemento de la strategio estas la plej grava sed samtempe la plej malfacila ero: kunlaboro. Sukcesan propagandadon ne povas efike fari nur individuo; ĝi devas esti komuna iniciato de ĉiuj, kiuj profitus de la rezultoj. Afiŝi materialon ne signifos, ke la celgrupo sukcesos vidi ĝin. Tial, nepre necesas, ke membroj kaj kunlaborantoj proprainiciate diskonigu la afiŝojn sur siajn proprajn kontojn. Ofte, oni forgesas fari tion, ke eĉ foje necesas eksplicite peti diskonigadon al homoj.

Jen kelkaj el miaj konsiloj por pli fruktodone propagandi rete dum (eĉ kaj post) la pandemio. Notu: mi ne estas profesia merkatistiko; mi nur parolas el miaj propraj movadaj spertoj kaj kiel junulo de la Generacio Z. Kiu scias? Imagu: iu agadema 15-jarulo eble nun retumas per sia poŝtelefono kaj hazarde renkontos kaj legos vian reklamilon pri Esperanto... ■

# Enhave



## Esperanto en Azio kaj Oceanio

**Aganta Redaktoro:**
Albert Stalin Garrido (Filipinoj), albert.stalin@tejo.org
**Kunlaborantoj:** Nisinaga Atusi (Japanio), Inumaru Fumio (Japanio), Hiromi Kawamoto (Japanio), Doi Chieko (Japanio)
**Eldonanto:**
Komisiono pri Azia-Oceania Esperanto Movado (KAOEM)
(Kontinenta Komiiono de Universala Esperanto-Asocio)
**Adreso de KAOEM:**
p/a Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
**Retadreso de KAOEM:** p/a Nisinaga Atusi (acero@an.email.ne.jp)
**Retejo:** esperantoazia.net

# Novaj reta evento; novaj ĉinaj vizaĝoj

*Zhao Wenqi (Venki), kun kontribuoj de Albert Stalin Garrido*

La 5-an de aprilo okazis la programero "*Malkovru la ĉinan junularon*" dum Retoso. Partoprenis en la programo tri ĉinaj junuloj: Gao Shuyuan (Elle), reprezentantino de Ĉina Junulara Esperanto-Asocio (ĈJEA), Song Zhenyuan (Rimedo), studento de la Esperanto-fako de Zaozhuang-Universitato, kaj Zhao Wenqi (Venki), nuna komitatano Ĉ de TEJO. La ĉinaj partoprenantoj prezentis siajn aktivadojn en diversaj lokoj de Ĉinio, precipe en universitatoj. La programero okazis per Jitsi, videokonferenca platformo simila al Zoom.




Post la prezento, tuj alvenis pluraj demandoj de aliaj partoprenantoj, kiuj mem estas konataj aktivuloj de la internacia junulara movado el diversaj landoj. Laŭ mia impreso, esperantistoj el aliaj kontinentoj, specife Eŭropo, vere interesiĝas pri nova forto el Ĉinio kaj el Azio ĝenerale. Ili multe demandis pri spertoj de ĉinoj pri Esperanto-uzado kaj deziris pliparoligi la novajn vizaĝojn kiuj aperis.

La celo de la programero estis interalie prezenti ĉinajn junulojn, respondi demandojn, kaj levi la ideon de potenciala kunlaboro inter la ĉina junulara movado kaj la "ekstera mondo."

Estas do ĝojige, ke ni povis interŝanĝi multe pri la lernado kaj uzado de Esperanto fare de ĉinaj junuloj. La programero ja estis bona komenco por ĉinoj, ĉefe studentoj, por havi pli da ŝanco aktivi internacie, kaj por ke ili malkovru la junecon kaj la novan generacion de Esperantujo. Mi esperas, ke venontfoje pli da ĉinoj povos veni kaj kunhavigi rakontojn pri iliaj vivoj.

Retoso estas la nomo de la nova tutmonda reta evento por junuloj de TEJO, senpaga por individuaj membroj kaj patronoj. La evento okazis de la 2-a ĝis la 5-a de aprilo kaj ĝin organizis teamo de 7 junuloj el kvar kontinentoj. Ĝia celo estis pliproksimigi rete la tutmondan junularan komunumon, kun la eksplicita celo provizi per la ŝanco ĉeesti en reta evento eĉ tiujn, kiuj loĝas en mondopartoj ne kutime atingataj de la movado. ■

# Novaj junularaj sukcesoj: Sudorientazia Gufujo; unueca azia-oceania babilejo

Aprilo estis granda paŝo antaŭen por reta agado kadre de la azia kaj oceania movadoj, specife tiu de Sudorienta Azio.

Per la iniciato de du indoneziaj esperantistoj, Arya Bhaskara Ferduzi kaj Rizki Maulana, kaj teknika helpo de Albert Stalin Garrido el Filipinoj kaj Warut Bunprasert el Tajlando, sukcese okazis la unua sesio de la "Sudorientazia Gufujo" la 24-an de aprilo (sabato) vespere per Zoom. Partoprenis pli ol 30 junuloj el Filipinoj, Indonezio, Orienta Timoro, Singapuro, Tajlando, kaj Vjetnamio en la unuhora babilado kies temo estis: "*Kiel estis via sperto en Esperantujo ĝis nun?*"

Pri "Gufujo": ĝi estas vorto kiu priskribas ĉefe noktajn renkontiĝojn por libere babili pri diversaj temoj en trankvila etoso. La vorton oni elpensis kaj komencis uzi dum fizikaj internaciaj junularaj aranĝoj kaj poste ankaŭ en la retaj. La Sudorientazia Gufujo estas inspirita de la "Azia Gufujo" dum

Retoso, internacia evento de TEJO kiu estis okazinta nur kelkajn semajnojn antaŭe kaj en kiu la iniciatintoj mem partoprenis.



*La unua Sudorientazia Gufujo: neatendite sukcesega*

Pro la tre pozitiva rezulto de la Sudorienta Gufujo , Garrido poste proponis la kreiĝon de dediĉita servilo en *Discord* , reta videobabila platformo, por teni konstantan komunikadon inter junaj esperantistoj en la regiono.

Originale nur por sudorientazianoj, la servilo estis baldaŭ poste malfermita al ĉiuj junuloj en Azio kaj Oceanio por pligrandigi la komunumon. Ĝis nun estas jam pli ol 30 anoj el pluraj landoj, plej multaj el kiuj venas de Indonezio kaj Filipinoj.

En la servilo, anoj povas, per pluraj dediĉitaj temo-kanaloj ene, libere babili ĉiutage pri diversaj temoj, ekzemple: movado, teknologio, manĝaĵoj, kaj eĉ memeoj. Oni ankaŭ povas uzi la servilon por rapide liveri gravajn anoncojn de la internacia movado aŭ por okazigi voĉbabiladojn aŭ renkontiĝojn laŭplaĉe. La servo estas tute senpaga kaj alirebla per komputilo aŭ poŝtelefono, tial aliaj grupoj povas fari la samon.

Junuloj el Azio kaj Oceanio povas aliĝi al la servilo per la jena ligilo: bit.ly/discord-aojk. ■

# Neforgesinda 4-taga virtuala kongreso kun unikaj ecoj!

*Surush Mohammadzadeh*

De la 8-a ĝis 11-a de aprilo okazis la 8a Irana Esperanto-Kongreso, alinome IrEK-8, kiun organizis Irana Esperanto-Asocio (IrEA). La kunveno fariĝis pli riĉa per la kunlaboro de Stefan McGill, kiu organizis la 72-an AMO-seminarion kadre de la Kongreso —ĝuste kiel okazis ankaŭ en la IrEK-7 pasintjara. Pro la pandemio, la kongreso okazis duafoje virtuale kun ĉeftemo: "*Virtuala Mondo, Reala Espero*." En la kongreso partoprenis 131 personoj de diversaj partoj de la tuta mondo (entute 37 landoj kaj 5 kontinentoj!).

La planoj venis tra pensado de kvar personoj kiel organizantoj: inĝ. Ahmad Mamduhi, inĝ. Hamzeh Shafiee, d-ro Keyhan Sayadpour, kaj Surush Mohammadzadeh. La programerojn anoncadis kaj gvidis tra la tuta kongreso Ahmad Mamduhi, eminenta esperantisto senĉese kaj senlace laboranta!

## La komenca tago: multaj salutmesaĝoj

Je la komenco, diversaj asocioj, organizoj kaj personoj per siaj mesaĝoj salutis la kongreson ĉu vive kaj ĉeestante, ĉu per registritaj videoj, aŭ skribe. Inter la salutantoj troviĝis pluraj eminentuloj, ekz. d-ro Keyhan Sayadpour, la prezidanto de IrEA, d-ro Duncan Charters, la prezidanto de UEA, Chen Ji, la direktorino de Ĉina Esperanto-Ligo (ĈEL), d-ro Sean O Riain, la prezidanto de la Eŭropa Esperanto-Unio (EEU), kaj Wang Tianyi

(Ĉielismo), la prezidanto de Internacia Komerca kaj Ekonomia Federacio (IKEF). Poste komenciĝis la jaraj raportoj de IrEA, Irana Esperantista Junulara Asocio (IrEJO), kaj de IrLEI, la irana sekcio de ILEI. Sekvis diversaj prelegoj plejparte en Esperanto kaj kelkaj en la persa, araba, azera kaj kurda lingvoj.




## 4 tagoj po 12 horoj kaj amaso da prelegoj en 5 lingvoj!

Dum 4 tagoj po 12 horoj ĉiutage okazis ĉ. 40 prelegoj liveritaj de pli ol 30 personoj. La prelegoj havis tre diversajn temojn: movadajn, instruajn, ktp. La interesa punkto estis, ke unuafoje dum la IrEK-oj okazis ankaŭ kelkaj prelegoj en diversaj lingvoj de Irano, nome: la persa, kurda, araba kaj azera (turka) ĉefe por prezentado de Esperanto al tiulingvanoj.

## Donaco de Monato al la partoprenantoj

Alia surpriza ago por la kongreso estis la malavara donacado de la venonta (la maja) numero de la prestiĝa *Monato*, internacia magazino sendependa, al ĉiuj partoprenantoj de la kongreso, kiuj aliĝis pere de la IrEA-retejo.

## Jogo, por ke ni ankaŭ korpe trejniĝu!

Alia unika programo okazis je la komenco de la lasta tago. Ankaŭ eksterlandaj irananoj helpis al la buntigado de la kongreso , ekz. s-ro Reza Kheirkhah , kiu nun loĝas en Tajvano , kaj montris vive la E-Centron de Tajvano , kaj prelegis pri siaj vojaĝoj al 22 landoj per / por Esperanto , kaj — kiel en la pasintjara IrEK — prezentis jogiston , kiu iom senlacigis kaj plenenergiigis la partoprenantojn per lernigado de liaj movoj , kiuj nomiĝis asanoj en jogo . La partoprenantoj iĝis pli preparitaj por alia longa tago de la kongreso, kiu daŭris eĉ pli ol 12 horojn — kalkulante ankaŭ la allogan kaj fintempan koncerton de Kajto!

## Granda surprizo de Kajto ĉe la fino

Je la fino de la kongreso, okazis granda surprizo pere de Kajto, tre bone konata muzikgrupo, kiu koncertis per belaj novaj kaj malnovaj kantoj dum pli ol unu horo. Ili lasis ege plaĉan kaj karan memoraĵon al ĉiuj. Cetere, la nombro de la partoprenantoj dum la koncerto estis la rekorda dum la tuta kongreso kun ĉeesto de pli ol 50 personoj samtempe. Dumkoncerte ili uzis diversajn muzikilojn por siaj bele variaj kantoj. La duopa Kajto verdire ĉiam-juna kaj ĉiam-vigla estigis tute gajan kaj senlacigan tempon por ĉiuj kongresanoj, el kiuj, iuj dum la pasintaj 4 tagoj, ĉiutage ĉeestis la kongreson entute dum preskaŭ ĉ. 50 horoj! ■

# Rektaj elsendoj de nia Instagramo

*Indonezia Esperanto-Asocio*

Kiel novan agadon, ĉi-jare ni utiligas rektajn videoelsendojn de *Instagram* por babili kun aliaj indoneziaj esperantistoj, novuloj, aŭ alilandaj esperantistoj. Tiu ĉi agado celas informi pri Indonezia Esperanto-Asocio (IEA), pri aktualaj novaĵoj en la Esperanto-movado, aŭ diskuti pri diversaj temoj, ekzemple pri Esperanto-lernado, kaj tiel plu.

La rekta elsendo okazas du fojojn ĉiumonate ekde januaro, kutime sabaton vespere. Ilia Dewi, estrarano de IEA, gvidas la babiladon kun invititaj gastoj dum unu horo. Adam, juna esperantisto kaj studento el la urbo Bandung en la okcidenta Javo, aperis en la unua rekta elsendo. Li rakontis pri siaj motivoj por lerni Esperanton kaj pri siaj spertoj. Li komencis lerni antaŭnelonge, kvankam li jam eksciis pri Esperanto kiam li estis nur mezlernejano.

En la dua rekta elsendo, aperis alia juna esperantisto, Victor, kiu eklernis Esperanton meze de 2018. Ĉi-foje la babilado temis pri la avantaĝoj de lernado de Esperanto kaj celis diskonigi al spektantoj, ke Esperanto utilas ne nur por faciligi internacian komunikadon kaj amikiĝi kun alilandanoj sed ankaŭ enhavas multajn aliajn avantaĝojn, ke oni povas pli facile lerni aliajn fremdajn lingvojn post la lernado de Esperanto ĉar ĝi havas lernofaciligan valoron, kaj ke vojaĝante en aliaj landoj, oni povas utiligi Pasportan Servon aŭ konatiĝi kun fremdaj kulturoj.

La tria rekta elsendo okazis en februaro kun Ariel, novulo el urbo Medan en norda Sumatro. Ilia demandis kiel li interesiĝis pri Esperanto kaj kiel li komencis lerni ĝin. Kiel lernanto en mezlernejo, li devas lerni fremdajn lingvojn, sed li opinias ke ili

estas malfacilaj. Lia kuzino sugestis al li, ke li lernu Esperanton, kaj li senpage aliĝis al la virtuala baza kurso, kiu estis organizita de nia asocio. Ankoraŭ en februaro, Fandra, la estrarano pri informado, aperis en la kvara rekta elsendo kaj babilis kun Ili pri Esperanto kiel ponto en diverseco. Li nun studas magistran kurson pri sudorientaziaj studoj rilate al kultura diverseco.




*Reklamiloj pri la vivaj elsendoj*

En marto, aperis alia novulo, Jati Prasetyo, kiu memlernas Esperanton per Duolingo. Li parolis pri la defioj de memlernado kaj la manko de paroligaj ekzercoj. Li subite trovis la afiŝon pri niaj paroligaj sesioj, kiuj ebligas al komencantoj ekzerci sin pri sia parolkapablo, kaj kelkfoje li partoprenas. En tiu ci rekta elsendo, Ilia ankaŭ montris kelkajn Esperantajn librojn, kiuj

estas utilaj kiel leĝajoj por komencantoj kaj komencintoj precipe pro tio, ke la lingvaĵo de la libroj estas facile komprenebla. Fine, la lasta rekta elsendo okazis la 27-an de marto kun du junuloj, Victor kaj Pande el Balio. Ili interbabilis kun Ilia pri diversaj medioj por reklami Esperanton. Rakontante siajn spertojn, ili ambaŭ komencis reklami Esperanton al siaj familioj. Nun en la reta epoko, homoj preferas akiri informon de retejo, sociaj retejoj aŭ aliaj platformoj.

En Indonezio, *Instagram* estas unu el la plej popularaj sociaj kanaloj kiel *Twitter*, *Facebook*, kaj *Tiktok*. Pro tio, ni kreis konton nome de IEA, kun uzantnomo @*asosiasiesperanto*, kaj regule afiŝas novaĵojn pri la movado en Indonezio kaj en aliaj landoj. Laŭ enketo en 2020, la nombro de uzantoj de *Instagram* en Indonezio estis 63 milionoj, kaj ĝi daŭre kreskas. Konsiderante tiun grandan nombron, *Instagram* povas esti efika por reklami la lingvon al indonezianoj, precipe al gejunuloj.

Antaŭ la fino de rekta elsendo, Ilia ankaŭ surloke reklamis Esperanton al grupo da gejunuloj por montri al la spektantoj ke oni povas reklami Esperanton per simpla informado aŭ disdonado de la flugfolioj. Por kapti la rektajn elsendojn de IEA, sekvu nin ĉe *Instagram* serĉinte la uzantnomon @*asosiasiesperanto* kaj legu informojn pri la lingvo kaj nia movado. ■

# Kunvenis nova instruista teamo

*Komisiono pri Informado, Filipina Esperanto-Junularo*

Kun la kerna celo liveri longdaŭrajn, strukturitajn Esperanto-kursojn al membroj kaj eventuale al la filipina publiko, la Estraro de Filipina Esperanto-Junularo (FEJ) establis en februaro la novan Instruistan Teamon.

La Teamo konsistas el membroj kiuj en FEJ plej multe spertas pri Esperanto aŭ/kaj lingvoinstruado, nome: Albert Stalin Garrido, prezidanto de FEJ kaj provizora kunordiganto de la teamo, Carl Dizon, Andrea Marie Dobles, kaj Wayne Adrian Federigan. Krom ili, partoprenas la kunvenojn de la Teamo ankaŭ manpleno da teknikaj helpantoj, kiuj estas spertuloj pri redaktado kaj desegnado de edukaj materialoj, reklamado, ktp.

La Teamo celas 1) kunmeti kaj eldoni kursan materialon kiu enhavas ne nur lingvajn lecionojn, sed ankaŭ interesajn kaj gravajn kulturajn lecionojn por pli bone konigi al lernantoj Esperantujon kaj 2) okazigi regulajn kursojn celatajn al membroj de FEJ kaj poste al la ĝenerala filipina publiko.

FEJ originale celis lanĉi la unuan rondon de lingvaj kursoj en aprilo, sed pro gravaj administraj ŝanĝoj ene de la organizo prokrastis ĝian komencon al junio, kio samtempe donis pli da tempo al la Teamo por pli bone pretigi la lingvan kurson.

La formiĝo de la Instruista Teamo kaj la longdaŭraj lingvaj kursoj estas nur du el pluraj planoj de FEJ pri edukado laŭ sia Strategia Agadplano 2021 aprobita de la Nacia Asembleo en januaro; aliaj gravaj planoj konsistas de profesia kapabligo de siaj membroj kaj lanĉo de la Lingvopartnera Sistemo, interalie. ■

# En Hanojo: floroj floras, virinoj brilas

*Ha Nguyen*

Ĉi-jare en Hanojo, tutlando bonvenigis *Tet*-feston. Tio estas plej granda tradicia festo por akcepti la novan jaron laŭ la Luna Kalendaro. Kvankam kelkaj regionoj estis provizore izolitaj pro koronaviruso, tamen ĉie regas printempa etoso plenplena da floradoj.

Esperanto-Ĝardeno en Hanojo pli forte floradis: hanojaj Esperantistoj bonvenigis printempon laŭ sia propra maniero.

Unue, okaze de internacia virina tago, festata tutmonde la 8-an de marto, la Komitato de Hanoja Esperanto-Asocio (HANEA) persone grupiĝis ĉe la komuna kunvenejo de Esperanto por gratuli okaze de tiu memorinda tago. Esperantistinoj kun belaj specialaj kostumoj estis invititaj al la kunvenejo, kaj tie ili ricevis donacojn, florojn, kaj bondezirojn de la asocio kaj de viroj mem. Poste, ĉiuj gustumis dolĉaĵojn, fruktojn, teon, kaj lakton. Okazis poste la unua kunsido de la Komitato por plenumi agadplanon por la jaro 2021; pri multaj aferoj oni diskutis en rapida sed afabla en iom serioza tempo.

Senĉese, senpaŭze, tuj en sekvanta semajno, la 13-an de marto ĉe la komuna kunvenejo, HANEA malfermis Esperanto-kurson por komencantoj. Danke al propagandado ĉe la komuna kunvenejo, preskaŭ 20 gelernantoj venis, kaj tiel ili unuafoje konatiĝis kun la internacia lingvo. Laŭplane, nova klaso lernas ĉiusabate posttagmeze sub la gvido de s-ro Thieu Quang Dieu, iama vicprezidanto de HANEA. S-ro Dieu estas spertulo pri instruado de Esperanto, delonge antaŭe esperantiĝinte en

Bulgario. Espereble, liaj novaj lernantoj rapide posedos bazan nivelon de Esperanto post 3 monatoj. Ĝis tiam ni atendu. ■

**JAPANIO** **Landaj Raportoj**

# Por ke Esperanto estu videbla: Esperanto-Muzeo Jokohama inaŭgurita

*Sibayama Zyun'iti*

La 23-an de aprilo, duetaĝa domo 107 kvadratmetrojn vasta ricevis novan nomon: Esperanto-Muzeo Jokohama. En ĝi estas nun pli ol 7 mil libroj kaj gazetoj, dekoj da montropaneloj pri la esperantista vivo ktp., multaj el ili donacitaj al ni de simpatiantaj samideanoj.

Nu, la rakonto komenciĝis en 2016, kiam la Universala Kongreso okazis en Slovakio. Tiam gesinjoroj Doi Ĉieko kaj Hirokaz, la motoroj de nia grupo, Neprofitocela Organizo Esperanto-Jokohama, estis impresitaj de la Esperanto-Muzeo en Svitavy en Ĉeĥio, kaj en la sama vojaĝo renkontis mecenaton—japanon , kies nomon ni ne publikigas — kiu poste finance subtenis nian Esperanto -agadon . En 2020 , ni ekserĉis taŭgan domon , kaj fine ni aĉetis la domon en la mezo de iu loĝkvartalo . De tiam , ni aĉetis librobretojn kaj ŝrankojn , enportis librojn portempe zorgitajn de ges-roj Doi, kaj akceptis novajn donacojn. Multaj volontuloj prilaboradis ilin. Tiu laboro ankoraŭ ne estas finita , sed ni decidis inaŭguri —sen speciala ceremonio dum la pandemia tempo . Nia fina celo estas montri nian frukton vaste al la civitanoj de Jokohamo , kvankam tiun publikan malfermon ni devas prokrasti ankoraŭ monatojn.




*Esperanto-Muzeo Jokohama de ekstere*

La celo de la Muzeo estas videbligi Esperanton al neesperantistoj. Nia lingvo ja alportis al ni fruktojn de internacia amikiĝo, ĉu per reciproka vizito, per (ret)letera interŝanĝo, per legado de libroj el diverslingvaj originaloj, aŭ per verkado por diskonigi nian vivon kaj opinion al la mondo—ĉion ĉi ja konas ni samideanoj, sed ne la aliaj. Aldone, eĉ inter samideanoj, ni ofte ne scias, kion faris aŭ faros aligrupaj, alilandaj samideanoj. Tion ni ekspoziciados.

Ni planas havi kaj konstantan ekspozicion ĝenerale pri Esperanto kaj fari portempajn ekspoziciojn pri specialaj temoj. Por la inaŭguro, la specialaĵo estis "la unuaj lernoliboj por diversnaciaj lernantoj, en la naciaj lingvoj." Temas do ne pri esperantlingvaj lernolibroj, sed nacilingvaj, tamen ilin kolektis niaj membroj dank' al bonkoraj esperantistoj en diversaj landoj. Ja, estas la pruvo, kion ni esperantistoj povas fari.

La retejo de la muzeo estas https://esperanto-muzeo-jokohama.jimdofree.com/esperanta-ĉefpaĝo/ ■

# La Jara Movada Kolekto de Japanio en 2021

*Hotta Hirohiko*

Daŭre en lastaj jaroj Japana Esperanto-Instituto (JEI) publikigas la Jaran Movadan Kolekton, kiel jaran raporton pri esperantistaj grupoj en Japanio, en ĉiu aprila numero de de sia organo "*La Revuo Orienta*."

La Kolekto utilas ne nur por la kuranta movado sed utilos ankaŭ por estontaj historiaj studoj. La enhavoj de la Kolekto estas nur en la japana lingvo. En la aprila n-ro en 2021 aperis informo pri entute 144 grupoj, inkluzive de ne nur agantaj aŭ nove naskitaj en 2020, sed eĉ dormantaj aŭ formortontaj. Inter tiuj 144, troveblas 4 landskalaj organizoj, 9 regionaj organizoj, 87 lokaj grupoj, kaj 44 fakaj grupoj inkluzive de la retaj.

En la Kolekto, por ĉiu Esperanto-grupo montriĝas pluraj utilaj detaloj, interalie la grupo-nomo, estro(j), kontakta adreso poŝta kaj retpoŝta, numero telefona, telefaksa, retejo, nombro de grupanoj, agadoj (inkluzive de kursoj, klasoj, ekspozicioj, kaj specialaj okazaĵoj), kaj fondojaro. Krome, por ĉi-jara specialo kronvirusa efiko estas aldonita.

Informo-kolektado kaj kompilado por ĉi tiu jaro estas komencita en la lasta decembro kaj finita en la februaro de la Inform-Movada Fako de JEI. ■

# Nuna Esperanto-edukado en Koreio: statistikoj

*Cho Myung-ja (Ĝoja)*

Laŭ Edukokomitato de Korea Esperanto-Asocio (KEA), s-ino Oh Gi-sook (Granda) kontrolis pri la lastatempa stato de Esperanto-edukado de Koreio en februaro 2021. Ŝi konstatis, ke ne malfortiĝis la energio de ni esperantistoj por la lernado de la lingvo malgraŭ la kronvirusa pandemio; male, esperantistoj estas eĉ pli aktivaj uzante la platformojn *Zoom*, *Skype*, *KakaoTalk* ktp. Per tiuj platformoj, entute 46 kursoj okazis sub 35 gvidantoj inkluzive de 3 alilandanoj: Markus Gabor el Hungario, Michel Fontaine el Francio kaj Huzimoto Hideko el Japanio.

Vidu Grafikaĵo 1 pri la platformoj uzataj de lingvolernantoj:




Grafikaĵo 2 klarigas pri la lernonivelo de la kursoj kaj lernantoj. Montriĝas, ke ĉirkaŭ du trionoj da kursoj okupas "ĉia nivelo," kiu inkluzivas la grupojn por voĉlegi kaj reciti frazojn en

Esperanto per *KakaoTalk*, kaj la “meza” nivelo troviĝas sur la dua loko, kio signifas, ke multiĝis kapablaj esperantistoj.

**[Grafikaĵo 2] Lerna Nivelo**




La Grafikaĵo 3 ‘Lingvlerna Parto’ montras, ke “Legi” kaj “Paroli” estas gvidometodoj pli ofte akceptataj ol “Gramatiko” kaj “Verko.”

**[Grafikaĵo 3] Lingvlerna Parto**




Per tiuj ĉi statistikoj, ni pli forte certiĝis, ke neniam velkos nia pasio pri Esperanto-edukado malgraŭ iaj ajn malfacilaĵoj. ■

# Interkultura renkontiĝo de brazilaj kaj koreaj Esperantistoj

Esperantistoj el Brazilo kaj Koreio havas regulan virtualan renkontiĝon, nome la "Interkultura Renkontiĝo de Brazilaj kaj Koreaj Esperantistoj" aŭ "BraKo" per Zoom. Programo "Mia Amiko", gvidata de Adonis Saliba el Brazilo, kaj Seula Esperanto-Kulturcentro, gvidata de Lee Jungkee el Koreio konsentis, ke la du organizaĵoj okazigu la renkontiĝon dufoje ĉiumonate por interamikiĝi kaj esplori kaj kunhavigi komunajn interesojn trans la lingva muro. Esperanto estas la komuna lingvo de la renkontiĝo.

Ĝis nun okazis la jenaj sesioj:

La 1-a sesio: (la 7-an de februaro): muziko-prezentado, sinprezento de komencantoj, kaj libera babilado.

La 2-a sesio: (la 20-an de februaro): pri la ĉefurboj de Koreio kaj de Brazilo.

La 3-a sesio: (la 6-an de marto): pri la historioj de Koreio kaj de Brazilo.

La 4-a sesio: (la 20-an de marto): pri turismo en Koreio kaj en Brazilo.

La 5-a sesio: (la 3-an de aprilo): pri la ĉiutagaj vivoj de koreoj kaj brazilanoj.

Por pliaj informoj pri la renkontiĝo, vizitu la jenan retejon: http://bit.ly/brako2021. ■

# ĈEL okazigis komitatan kunvenon

*Chen Ji*



*Foto de la kunveno kun ĉeestantoj fizikaj kaj virtualaj*

La 22-an de januaro, Ĉina Esperanto-Ligo (ĈEL) okazigis kunvenon de sia konstanta komitato. Pro la epidemo, la kunveno okazis samtempe rete kaj fizike. Ĉeestis en la kunveno interalie s-ro Fang Zhenghui, eksa vicprezidanto de la Ĉina Internacia Eldona Grupo (ĈIEG) kaj la unua vicprezidanto de ĈEL, Yu Tao, vicprezidanto de ĈIEG kaj de ĈEL, Zhao Jun, ĉefredaktoro de El Popola Ĉinio, Chen Ji, direktoro de sekretariejo de ĈEL kaj Nan Youli, ĉefo de la kontrola komitato de ĈEL. Entute 35 konstantaj komitatanoj kaj kontrolistoj ĉeestis en la kunveno. ■

# Publikiĝis la unua numero en 2021 de Unesko-Kuriero

La unua numero en 2021 de Unesko-Kuriero, eldonita de El Popola Ĉinio kaj subtenita de la Universala Esperanto-Asocio (UEA), estis publikigita en UNESDOC lastatemepe. En ĝia traduko partoprenis 12 esperantistoj el 7 landoj.

La temo de tiu numero estas *Oceano: Estas tempo por turni la tajdon*.




### Kiel elŝuti?

La bitversio de tiu numero estas legebla kaj elŝutebla per jena ligilo: [http://bit.ly/kuriero0121](http://bit.ly/kuriero0121).

### Kiel aboni?

Ĉiu numero kostas 6.8 eŭrojn. Por abonantoj ekster Ĉinio, afranko kostas 8 eŭrojn po numero. Post via ĝiro, bonvolu informi nin ĉe [lamondo@163.com](mailto:lamondo@163.com). Jen pagmanieroj:

1. Por UEA-membroj: bonvolu pagi per UEA-konto (**celi-p**).
2. Aliaj, bonvolu pagi 66 svisajn frankojn jare (inkluzive de afranko) aŭ 132 svisajn frankojn por du jaroj al la jena bankokonto:

   PostFinance
   Nomo: LIU JUN
   IBAN: CH98 0900 0000 3048 76172

Se vi havas interesajn opiniojn pri la artikoloj kaj volas interŝanĝi ilin kun aliaj legantoj, bonvole sendu vian artikolon al lamondo@163.com. ■

MONGOLIO **Landaj Raportoj**

# Notoj pri Ĥajanĥirva, la unua mongola esperantisto

*Chimedtseren Enkhee*

Vespere de la 21a de marto de 2021 hejme mi estis spektanta TV-elsendojn. Kiel kutime, mi estis ŝanĝanta la kanalojn, kiam mi trovis iom interesan elsendon titolitan: "*100-jariĝo de la popola revolucio: mongola parlamentismo kaj la Konstitucio*." Tiam en tiu ĉi elsendo prezidanto de la parlamento intervjuiĝis kun kelkaj parlamentanoj.

Dum sia parolado, la prezidanto de la parlamento subite menciis Esperanton kaj la unua mongolan esperantiston. Tiam, li diris: "*...la gvidantoj de la revolucio regis multajn fremdajn lingvojn. Ekzemple, ĉefo de la mongola organizo pri nacia sekureco Ĥajanĥirva antaŭ la revolucio laboris kiel nia spiona agento en eksterlando kaj li lernis Esperanton en Turkio. Post la revolucio, dum li estis ĉefo de la mongola sekureca instanco, li provis kontaktiĝi kun usona sekureca instanco sendante al ili mesaĝon en Esperanto*."

Jes, fakte tio okazis en la jaro 1927, sed nun ni ne scias ĉu Ĥajanĥirva, la unua mongola esperantisto, vere sendis sian mesaĝon al usona sekureca organizaĵo aŭ ne. Dubinde! Ni kredas ke li simple sendis leteron al usonaj esperantistoj por saluti ilin. Lia mesaĝo estis skribita en Esperanto, dorsflanke de lia fotaĵo,

adresita al tiamaj esperantistoj en Novjorko. La mesaĝo kaj la foto nun estas en Usono kiel historiaj pruviloj (kaj ni havas la fotokopiojn).

Kaptinte la okazon mi aldonu kelkajn vortojn pri la unua mongola esperantisto. Kiel diris la parlamentestro, Ĥajanĥirva estis ĉefo de la ministerio pri enlanda sekureco de 1926 ĝis 1928. Tamen, krom tiu laboro, li plenumis ankaŭ multajn aliajn rolojn.

Komence de la 20-a jarcento, mongolaj gvidantoj serĉis taŭgan manieron nuligi la kontrakton inter Manĉurio kaj Mongolio (tiam Mongolio estis lando regata sub Manĉurio), kaj samtempe, tiamaj mongolaj sekuraj instancoj kaj spionaj agentoj aktivis en- kaj eksterlande. Tiutempe, bonzo Ĥajanĥirva plenumis multajn taskojn diverslande. Li ankaŭ estis proksimulo de tiama mongola religia gvidanto kiu poste en 1911 fariĝis mongola reĝo. Rezulte de fervoraj agoj de tiamaj mongolaj aŭtoritatuloj, Mongolio sendependiĝis de Manĉurio en 1911.

Post la popola revolucio de 1921, Ĥajanĥirva revenis el Rusio kaj fariĝis laika homo. Li poste tenis gravajn rolojn: li estis estrarano de la reganta popola partio, parlamentano, estro de la partia akademio, ĉefo de la departemento pri enlanda sekureco, komitatestro pri latinigo (alfabeto), ĉefo de la departemento pri sano, kaj estro de psika kliniko. Bedaŭrinde, pro la tiama tumulta situacio oni kulpigis kaj arestis lin en 1933 pro falsa, politike motivita krimo. Li poste estis mortigita en 1934 en malliberejo. Tamen, post tri jardekoj en 1968, la ŝtato senkulpigis lin.

Dum li laboris en la supre menciitaj roloj, li ekinstruis en 1923 Esperanton al mongola publiko kaj elesperantigis kelkajn verkaĵojn ĝis lia arestiĝo. Multaj lernantoj de li ankaŭ estis arestitaj.

Fine de mia skribaĵo mi prenas la ŝancon ankaŭ por iomete informi pri nia nuna situacio en Mongolio. Pro la kvaranteno, mongolaj esperantistoj ne povas renkontiĝi, sed

ofte interkomunikas rete kaj ankaŭ partoprenadas virtualajn renkontiĝojn internaciajn. Ni ankaŭ organizas retan kurson de Esperanto per Facebook-grupo (kun 150 aliĝintoj) kaj kompilas Esperanto-mongolan vortaron kaj verkas lernolibron por eldoni ilin. Notindas, ke 30 jarojn antaŭe ni eldonis Esperanto-lernolibron kaj esperantan-mongolan vortaron je malgranda kvantoj, kaj ili jam estis elvenditaj.

Ni deziras ke baldaŭ venos normalaj tagoj kaj ni kolektiĝos vid-al-vide! Ja proksimiĝas la 10-a Azia-Oceania Kongreso! ■

## LIGILOJ

KAOEM

*Jen kelkaj ligiloj, kiuj povus utili por vi:*

**KAOEM-Retejo:**
http://www.esperantoazia.net/

**Pri Azia-Oceania Komisiono (KAOEM):** La komisiono estas la laborgrupo de reprezentantoj de landaj sekcioj de Universala Esperanto-Asocio (UEA) en Azio kaj Oceanio. Legu pli:
http://www.esperantoazia.net/index.php?mid=kaem

**Oficialaj Projektoj de KAEM:**
http://www.esperantoazia.net/index.php?mid=projektojarticle

Elŝutu kaj legu retan ekzempleron de "**Esperanto en Azio kaj Oceanio**," la bulteno de Azia-Oceania Komisiono:
http://www.esperantoazia.net/index.php?mid=bulteno

**Histrio de azia movado:** D-ro So Gilsu prelegis kadre de preleg-serio de Aŭstralia Esperanto-Asocio. Aperos resumo en n-ro 112.
https://youtu.be/FTB6pFMZqG4 kaj
https://www.youtube.com/watch?v=wxnq_s1Cx4E

# Speciala oferto: Partoprenu VK kaj IJK senpage per membriĝo en UEA-TEJO!

Lastatempe venis tre grandaj novaĵoj: la UK en Belfasto kaj IJK en Kievo estis **nuligitaj** kaj denove okazos ambaŭ kongresoj rete!

Se vi estas individua membro de UEA kaj/aŭ membro/patrono de TEJO ĉi-jare, vi povas aliĝi al la 2-a Virtuala Kongreso (VK) kaj la reta IJK **tute senpage**.

La retaj liĝiloj jam haveblas, tial aliĝu tuj. Vizitu la retejojn ijk2021.tejo.org kaj vk.esperanto.net por ricevi pli da detaloj.



2a VIRTUALA KONGRESO DE ESPERANTO

17–24 de JULIO 2021

"Paco kaj konfido: universalaj valoroj"






## Karaj legantoj,

Ĉu vi ŝatus kontribui al pli bona informado pri la esperantista movado en Azio kaj Oceanio? **Se via respondo estas "jes," la redakcio bezonas vin!** Kontribuu per viaj raportoj kaj artikoloj al la venonta numero (112) de **Esperanto en Azio kaj Oceanio**! La jenaj tipoj de kontribuoj estas aparte bonvenaj:

- **Via opinio**, **analizo**, aŭ **espero** pri la movado vialanda, azia-oceania, aŭ monda en historia aŭ teoria vidpunkto;
- **Informoj** aŭ **ideoj** utilaj por agado aŭ lingvolernado;
- **Raportoj** pri vialandaj/urbaj agadoj, se ili okazas malgraŭ la pandemio utiligante interreton aŭ iun alian rimedon.

Viaj raportoj prefere atingu la redakcion ĝis la **30-a de junio 2021**. Sendu ĉiujn viajn kontribuojn, demandojn, kaj alispecajn mesaĝojn al albertstgarrido@gmail.com.